UNUA JARO. — N° 1 | Unu Numero : 10 CENTIMOJ | DIMANĈO 18 JUNIO 1905

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA JURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA
DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO : S° Paul BERTHELOT, CÉRET (P.-O.) Franco

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo
REKLAMO-ANONCOJ
AGENTO GENERALA : S° EMILE GASSE
71, str. Michelet, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REDAKTADO : S° Ch. LAMBERT, 10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Franco

## Al Leganto

« Ankoraŭ unu gazeto esperantista ! — vi certe ekkriis vidante tiun jurnalon — ĉu ne estas jam sufiĉe, eble jam tro, ĉar kelkaj nur kun peno vivadas ! Kial tiu nova organo ? »

Al tiu demando ni volas respondi.

Vera esperantisto estas esence propagandisto. Kiam, en tempo de malfacileco, iu kredis eksenti la veron, aŭ eĉ malgrandan parton de verajo, ĉiuj emoj socialaj kaj altruistaj estantaj en li puŝas lin energie al proselitismo, al propagando. Tiu neneigebla fakto estas unu el la naturaj instinktoj de nia raso, unu el tiuj emoj kiuj apartigas homon de la besto, la kondiĉo esenca de l'klerigo kaj progreso.

Sed antaŭ alveni al tiu stato, kie la penso estas kiel formiko trenanta grenegon malgraŭ obstakloj kaj laciĝo kun la fiksa ideo de l'devo plenumota, antaŭ tio la estonta esperantisto ĉirkaŭflaras, ekprenas, delasas, foriras, revenas laŭ la eksteraj cirkonstancoj, kiuj lin altiras aŭ forigas.

Tiun ŝancelatan spiriton, kaj tia estas nun la plej multo de kleruloj eŭropeaj, la propagandisto devas ĉirkaŭkapti per senĉesa revekigo de l'ideo, per ĉiaspeca kaj multe forma maniero rekonduki ĝian penson al la afero.

Tial estas bonega kaj laŭdinda la entrepreno de tiuj komercistoj kiuj donas al siaj fabrikaĵoj la nomon *Esperanto :* plumoj Esperanto, ĉampanvino Esperanto, bicikletoj Esperanto, k.t.c. tiel ke almenaŭ la *Vorto* ĉirkaŭvolvu la tutan vivon kaj sentigu la enradikiĝon porĉiaman de nia afero en la homa civilizacio.

Sed tiu ŝtofa propagando, komprenеble, ne sufiĉas. Bezonas io, kion la homo apetitigita per la reklamo povus doni kiel satigo al sia scivolemo. Tial oni kreis gazetojn kaj broŝurojn.

Niaj gazetoj ĝisnunaj estas monataj revuoj pli malpli artaj, literaturaj kaj... kostaj. Preter tio ke ili nur malmulte interesas la publikon *ekster*-esperantistaran, ilia prezo malpermesas ilin disdoni, dissemi, laŭ la parolo de l' poeto :

> Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,
> Ni semas, kaj semas konstante.

Jes, almenaŭ se la semo ne kostas tro kare po hektolitro ! La rolo de niaj revuoj ne estas tia. Ili utilas tre bone por kunligi la membrojn de siaj fermataj *eklezioj,* por perfektigi ilian konon de la lingvo kaj ankaŭ por permesi interŝanĝon de malagrablaĵoj pli malpli dolĉaj inter si. Ili estas io kiel la prakristanaj « Aktoj de l'Apostoloj » sed ne multe signifas por la *Gentiloj*.

Broŝuroj multe pli bone taŭgas por tiuj ĉi. Mi memoras precipe la bonegan broŝureton 2-kopekan de D° Zamenhof, la fama n° 86 kiun malfeliĉe oni ne plu povas trovi en vendejoj.

Sed la tempo de broŝuroj jam pasis. Ili ne estas nun sufiĉaj kaj baldaŭ ankaŭ malpli, por la ĉiutaga batalado kiun ni devos militi kontraŭ la malbonvolo, la ofenditaj interesoj, la eternaj antaŭjuĝoj kiuj fariĝos des pli atakemaj ke ni estos pli fortaj kaj danĝeraj por ili. Ni alportas bonon al la homaro, sed kiel ĉiam en tia okazo, ni renkontos homojn kiuj profitas, kiuj *vivas* el la antaŭa malbono kaj kiuj utilos ĉiujn nerektajn rimedojn por perdi nian aferon en la publika spirito. Oni jam vidis tion en la raporto tiel malbonintenca de S° Rozet antaŭ la franca ĉambraro, raporto kiun presis la *Journal Officiel* kaj represis ĉiujn gazetojn malamikaj al nia afero. Al tio ni respondis kiel ? en ntaj privataj gazetoj, parolante *al ni mem,* kaj lasante la malbonan impreson tutan por la ekstera publiko.

Estas neeble ke tia stato daŭru. Ni devas malfermi la fenestrojn kaj alparoli la grandan publikon, kontraŭbatali la malamikojn, interesi la indiferentulojn, decidi la ŝanceligantojn. Por tio bezonas jurnalo grandformata, multekzemplera, en lingvo komuna, disvendata, disprundata, disdonata al ĉiuj, disputanta la hodiaŭa demando, la hodiaŭa kontraŭdiro, senĉese informantan ĉiun klerulon, ĉiun kiu scias legi pri la vivo kaj vivemeco de l'entrepreno esperantista.

Tial ni fondis tiun jurnalon. Komencas ĝi iom malgrande, iom malofte ; sed baldaŭ, ĉar ĉiu komprenos la necesecon nepran de vera jurnalo por nia afero, la formato povos grandiĝi kaj la ofteco multiĝi. Por tio sufiĉas, ke ĉiu klopodu por divastigi tiun folion : ni mem scios fari la eblon por rekompenci efektive la servojn kiujn oni oferos al l'entrepreno. Necesas ke nia gazeto estu ĉie, en vendejoj, legejoj, kunvenejoj, ke oni ĝin trovu sur la ŝipo, en la stacidomo de l'fervojo, en la kafejo, sur la strataj kioskoj, en la manoj de l'promenantoj. Ju pli grandiĝos la nombro da ekzempleroj disvendataj, des pli malgranda estos la kosto de l'ekzemplero pogrande kaj des pli multajn por la sama prezo povos ricevi niaj helpantoj. La batalo komencas, ŝpari kartoĉojn estus malakcepti la venkon !

ANTAŬEN !

---

NOVAJ SCIIGOJ
pri la

## ESPERANTISTA KONGRESO
### en Boulogne-sur-Mer

OFICIALA MALFERMO : La 5$^{an}$ de Aŭgusto 1905 postagmeze.

La 6$^{an}$, 7$^{an}$ 8$^{an}$ kaj 9$^{an}$ ; grava kunvenoj en kiuj oni disputados kaj vo donos pri la centra komitato kaj aprobos la netu eblajn regulojn de nia lingvo ; ĉiuj kiuj intencas prezenti projektojn devas tuj komuniki ilin al komitato organizanta.

La 10$^{an}$ : ekskurso en Anglolandon ; visito de la kvin havenoj esperantistaj.

La sekvantajn tagojn : variaj distraĵoj kaj vizito de najbaraj grupoj.

PUBLIKIGO PRI LA KONGRESO

Ne nur por alvoki niajn ĉiulandajn samideanojn, sed precipe por fari grandan impreson sur la indiferentuloj, vasta publikigo estas tute necesa. La plej efika rimedo por tio, estas la afiŝado de reklamoj en la plej vizitataj lokoj. La organiza komitato ne povas ĉion fari kaj ĝi decidis sin turni per tiu ĉi alvoko al la plej gravaj kaj sindonaj grupoj ĉiulandaj por ke ili organizu en siaj urboj la afiŝan reklamon. Ke ĉiu grupo kiu bonvolas aprobi tion, skribu al ni kiel eble plej baldaŭ por ricevi la taŭgan tekston.

LOĜADO

Ĉar ni nun ne povas scii kiom da kongresanoj loĝos en Boulogne, ne estas eble garantii ĉambrojn por ĉiuj kiuj venos lastan momenton. En la banaj urboj, kvankam oni trovas ĉiam multe da ĉambroj neokupataj tamen la profesiaj luigantoj, esperante luigi por la plej granda parto de la sezono, ne ŝatas, longatempe antaŭe, kontrakti nur por kelkaj tagoj. Pro tio, la grupo de Boulogne organizas komisiitaron de loĝado, kiu enregistros la luoteblajn ĉambrojn. Dum la kongreso estos oficejo esperantista kiu ĉiumomente donos la utilajn sciigojn. Kompreneble ĉiuj kiuj intencas pasigi la someran sezonon en Boulogne povas tre facile, de nun, trovi la necesan loĝejon. La geesperantistoj kiuj deziras jam mendi ĉambrojn nur por kelkaj tagoj bon volu skribi al ni :

1° Kiun tagon ili alvenos ; 2° la daŭron de la ĉeesto ; 3° la prezon maksimuman kiun ili pagus ; 4° la apartajn dezirojn pri vivado, nombro de ĉambroj, k. t. p. La komisiitaro tuj klopodegos ĉiujn mendantojn plej bone kontentigi.

KARTOJ KAJ LIBROJ DE KONGRESO

Ĉiuj esperantistoj kiuj sendis 3 frankojn kiel simpla aliĝo ricevos, *dum Junio,* siajn kartojn. La aliaj, kiuj pagis almenaŭ 5 frankojn ricevos kune kun la karto, detalajn programojn, ilustritan gvidlibron de Boulogne kaj de la kongreso.

*La Kongresa Libro* konsistas el : 1° historio de la kongreso ; 2° detalaj programoj ; 3° gvidlibro por la vizito de Boulogne ; 4° planoj kaj ilustraĵoj ; 5° frazlibro esperanta-franca por turistoj ; 6° komercaj esperantaj reklamoj.

Kelkaj grupoj prave pensis ke la aliĝaj prezoj ne sufiĉos por egaligi la elspezojn. Tial ili sendis al ni monoferojn kiujn ni danke ricevis. Ni esperas ke tiu-ĉi ekzemplo ne restos izolata.

KONGRESA KUNVENEJO

Kongresaj kunvenoj okazos ĉiuj en la Urba Granda Teatro en kiu estos plie ekspozicio esperanta kaj oficejo pri sciigoj.

VESPERKUNVENO KUN NACIAJ VESTAĴOJ

Multe da fremduloj promesis alporti naciajn kostumojn. Ankaŭ francoj venos kun regionaj vestaĵoj. Ni tre insistas por ke oni klopodu por sukcesigi tiun originalan feston kiu konsistos el koncerto, festeno kaj balo.

KONCERTOJ

Jam kelkaj teatraĵoj kaj muzikaĵoj estas promesitaj ; ĉiu kiu povas kanti aŭ deklami bonvolu sciigi al ni detalojn pri tio.

ALIĜINTAJ GRUPOJ

200 grupoj jam sendis aliĝon. Kelkaj el ili sendas pli ol 20 delegatojn. Do oni povos certigi ke la Universa Kongreso havos grandan sukceson ; ĉiu vera esperantisto, malgraŭ malfacilaĵo, devos nesre veni, por helpi la definitivan venkon.

---

## INTERNACIA LIGO
### Esperantista

Okaze de la estonta grava Esperantista Kongreso en *Boulogne-sur-Mer* estas jam proponitaj kelkaj projektoj por fondo de iu « Internacia Ligo Esperantista » regota de iu « Centra Komitato ». Verŝajne, ĝis aŭgusto proksima, aliaj projektoj estos ankoraŭ proponitaj kaj fine la Kongreso decidos.

Multaj el la novaj amikoj de nia afero kredas, ke tiu propono estas tute nova, ke ĝis nun oni neniam ekprovis kunligi la fortojn de la Esperantistoj, kaj ke tiu fondo estas afero facila, kiu alportos al nia entrepreno grandan potencon.

Ho ve ! ili nesciias, ke jam almenaŭ oficiale, *du* fojojn D° Zamenhof ekprovis efektivigi tian Ligon, kaj ke du fojojn la afero malsukcesis. Ŝajnas do al mi utila mallonge rakonti, laŭ la oficialaj dokumentoj elĉerpitaj el nia iama gazeto « La Esperantisto », la Historion de tiuj du malfeliĉaj ekprovoj. Eble, post tiu averto de la Historio, la kongresanoj, konante la kaŭzojn de la antaŭaj malprosperoj, evitos la malbonajn paŝojn, kiuj povus denove ruinigi la projekton.

* * *

Kiam D° Zamenof, en la jaro 1887$^{a}$, publike eliris kun sia lingvo, li eldonis en kvin lingvoj (rusa, pola, franca, kaj germana) la unuajn malgrandajn lernolibrojn de la lingvo enhavantajn gramatikon kaj fundamentan vortareton. La tekstojn originalajn de tiuj unuaj lernolibroj, oni retrovos en la « Fundamento de Esperanto » nun en presado.

Post tiuj unuaj lernolibroj, la aŭtoro de la lingvo eldonis sian « Duan libron » kaj poste « Aldonon al la Dua libro » en kiuj li klarigas siajn ideojn pri la estonta evoluado de la lingvo kaj ĝia disvolviĝo. Tiam la Amerika Filozofia Societo intencis organizi vastan kongreson por esplorado de la demando pri helpa lingvo internacia. La Amerika Filozofia Societo ŝajne estis sufiĉe favora al Esperanto, kaj D° Zamenhof anoncis en la suprecititaj verkoj, ke li fordonas la sorton de sia lingvo al tiu Kongreso. Tamen en la « Aldono al la Dua Libro » li konsilis, ke en la okazo se la Kongreso Amerika ne efektiviĝos, la Esperantistoj faru mem kongreson aŭ fondu akademion ne pli frue ol en la jaro 1893.

Pasis 1 1/2 jaroj, kaj la kongreso ne okazis kaj la amerika societo tute silentis pri la demando. Tiam multaj Esperantistoj tedataj de tro longa atentado, opiniantaj — verŝajne prave — ke la propono de la amerika societo dronis en la ondojn de l'forgeso, instigis D° Zamenhof al tuja agado kaj fondo de Esperantista Ligo.

D° Zamenhof cedis laŭ iliaj petegoj kaj en la decembra numero de sia gazeto, en la jaro 1889$^{a}$, li sciigis ke li intencas fondi tian Ligon.

La proponata regularo de la fondota Ligo, aperis en la numero de l'25$^{a}$ de Marto 1890 de « La Esperantisto », presita samtempe en la lingvoj germana kaj Esperanto. Tiu projekto de regularo, kiu konsistis el 19 longaj detalaj paragrafoj, estas multe tro vasta por ke ni povu represi ĝin. Ni do nur rapide donos ĝian esencon. Laŭ la § 1, la ŝajna sola celo de Ligo estis la *disvastigado* de la lingvo en la tuta mondo ; sed la Ligo devis esti regata de *internacia akademio* kaj la § 10 anoncas ke « la aferoj tuŝantaj la tutan Ligon, *kiel ekzemple la perfektigado de la lingvo,* sin trovas en la manoj de la akademio ». La paragrafoj 14, 15, 16 antaŭvidas kiamaniere oni povos fari *artan ŝanĝon en la lingvo.* Laŭ la paragrafoj 14 kaj 15, tiuj ŝanĝoj estas deciditaj de la akademio, sed la § 16 donas rajton al iu ajn klubo (eĉ eble konsistanta el deko da personoj aŭ malpli) kontraŭstari al tiu decido kaj elvoki voĉdonadon universalan, sekve senfinan disputadon pri tiu *reformo*.

Cetere la §§ 4 kaj 5 difinis. ke ĉiu Ligano pagos kian ›tizajon, kiu estos almenaŭ 20 pfenigoj ĉiumonate. t.e. *almenaŭ 3 frankoj ĉiujare.* Fine la § 12, difinante la metodon por elekto de akademio enhavis tiun perlon : « ĉiu, kiu deziras fariĝi membro de la akademio, dissendos ne pli malfrue ol en la monato septembro al ĉiuj kluboj sciigon pri sia deziro. »

Kio okazis estas facile divenebla. Neniu volis pagi la tri petatajn frankojn ; ĉiu volis fariĝi akademiano, kaj nur la modestaj kaj seriozaj viroj sin detenis ; kaj *precipe* la pordo al reformoj, tiu danĝerega instigilo al malpaco kaj al disputoj larĝe malfermiĝis !

De tiam komenciĝis senfinaj artikoloj « pri la ŝanĝado de la lingvo » kaj tio daŭris dum la tuta jaro.

Fine senkuraĝigita Dº Zamenhof skribas en la decembra numero de 1800 : « Apenaŭ en la nº 3 montriĝis nia invito fondi Ligon, mi komencis ricevadi de multaj flankoj avertojn kontraŭ tiu ĉi paŝo. Sinjoroi Einstein, Grabowski, de Wahl, de Majnov, Geoghegan, sinjorino Olga L* kaj multaj aliaj penis deturni min de la fondado de la Ligo, memorigis al mi la malfeliĉan sperton de la akademio Volapüka kaj la danĝeron, kiun multkapeco alportus al nia juna afero. « La paca natura vojo », ili skribis, « laŭ kiu nia afero iris ĝis hodiaŭ, estas la plej bona, kaj oni ne devas riski novaĵon, se la malnovaĵo estas bona ». — « Libere kunigitaj per la centra organo, sendependaj unu de la aliaj, ni prezentas militistaron multe pli ordan ol ĉia Ligo » — « La sola rezultato de la Ligo estos, ke ĝi ligos al ni mem la manojn » k.c... Mi sentis jam mem, ke mi faris paŝon iom danĝeran kaj eble submetas propramane dinamiton sub nia konstruo. Tamen, malgraŭ la avertoj, mi estis ankoraŭ tro optimista.... Sed bedaŭrinde la sperto montris tute alion. Apenaŭ la regularo estis presita, en nia afero, ĝis nun tiel paca kaj regula, tuj komenciĝis malkompreniĝoj, disputoj kaj malagrablaĵoj — Ne estis ankoraŭ kreitaj la oficoj administrataj, kaj jam multaj estas malkontentaj aŭ ofendiĝis, ke oni forgesis pri ili en la Ligo ; la kaso de la Ligo estas ankoraŭ malplena, kaj jam kelkaj timus, ke la mono publika estos perdita aŭ ne bone uzita.... Nun estas la demando, kion *bonan* alportis la Ligo ? ĉu ĝia utilo kovros aŭ promesas kovri ĝian malutilan ? La sperto bedaŭrinde respondas al ni : « Ne, la utilo de la Ligo ne kovris eĉ centan parton de ĝia malutilo ». —

Kompreneble post tiu malfeliĉa provo Dº Zamenhof haltigis la aferon kaj la Ligo mortis apenaŭ post naskiĝo.

Niaj amikoj kongresanoj volu atente legi kaj relegi tiun konfeson de nia majstro ! Ili volu ĝin longe pripensi kaj ne forgesi, ke homoj estas ĉiam homoj, kaj ke verŝajne la hodiaŭaj Esperantistoj estas nek pli bonaj, nek pli malbonaj ol la antaŭaj

***

Post tiu unua malfeliĉa provo, Dº Zamenhof silentis dum du jaroj ; sed la *reformistoj* ne imitis lian silentadon kaj la disputado pri reformoj en la lingvo tiel daŭris, ke konstanta rubriko sub la nomo « ŝanĝotaĵo » estis dediĉata al tiu temo en la oficiala gazeto. Fidela al la programo, laŭ kiu dum kvin jaroj la lingvo devis resti en provado, Dº Zamenhof pacience akceptis ĉiujn tiujn disputadojn en sia jurnalo.

Sed, kiam alvenis la templimo difinita, li decidis denove ekprovi fondon definitivan de Ligo.

En la nº de januaro 1893 de la *Esperantisto*, li skribas : « De la nuna jaro ni proponas tre gravan novaĵon, kiu espereble kun plena aprobo estos akceptita de la amikoj de nia afero : en ĉio tuŝanta nian lingvon kaj nian aferon, ni enkonduku konstantan voĉdonadon de ĝiaj amikoj ».

« Jam antaŭ 3 jaroj, kiel niaj amikoj memoras, ni sentis la bezonon, ke la kondukado de nia afero sin trovu kun egala rajto en la manoj de ĉiuj ĝiaj amikoj kaj ke la tuta sorto de nia lingvo dependu de la deziroj de tiuj, kiuj ĝin uzas kaj laboras por ĝi. Ni tiam ankaŭ proponis fondi Tutmondan Ligon Esperantistan, en kies manoj devus sin trovi la tuta sorto de la afero Esperanto. Sed tiu ĉi propono, per si mem tute natura justa kaj necesa, ne povis tiam efektiviĝi, ĉar la sperto montris, ke niaj fortoj estis tiam ankoraŭ tro malgrandaj kaj nematuraj por tia aranĝo..... La fondado de Ligo tiam montriĝis *tro frua* kaj devis esti *prokrastita*. Sed prokrastita ne estas forĵetita, kaj jam tiam ni promesis, ke en pli oportuna tempo estonta ni al la demando pri Ligo ankoraŭ *revenos*. Nun la cirkonstancoj tute ŝanĝiĝis. Nia afero jam ne sole staras tute forte, sed tuta estas jam subtenata de niaj amikoj, ne postulante oferojn de la iniciatoro. Nun sekve venis la tempo transdoni nian tutan aferon al la libera disPono de ĝiaj subtenantoj, sen timo, ke ili lasos ĝin fali».

Ĉu legante tiun artikolon oni vere ne kredus, ke ĝi estas *jus* verkita kaj ke Dro Zamenhof, konstatinte la nunan disfloradon de Esperanto, alvokas nin al unuiĝo, kiu povos progresigi la aferon ?

Post tiu alvoko, nia majstro klarigas sian novan planon.

La unua tro detalo regularo estis kaŭzo de malsukuso dum la unua provo ; tial, tiun fojon, li faris *nenian* regularon kaj fondis Ligon sen ia ajn regularo.

La Ligo simple komistis el la abonitoj de la centra gazeto « Espérantisto » kaj la ĉefa, preskaŭ sola celo, de la Ligo ŝajui esti la *reformado* de la lingvo. Ĉiu ligano povis fari siajn proponojn, sed por ium haltigi la grandan alfluon da diversaj proponoj, estis decidite ke ĉiu ligano *pagos* la enpreson de siaj proponoj koazaŭ li enpresigus komercan reklamon. Verŝajne la iniciatoro pensis ke la liganoj faros ne nur *lingvajn* proponojn, sed ankaŭ *propagandajn* proponojn ; sed fakte oni nur disputis pri tiel diritaj plibonigoj, ŝanĝoj de la lingvo. Kontraŭ tiu nova fondo de Ligo batalis kelkaj spertaj Esperantistoj. En la aprila numero 1893, Soj N. Borovko kaj L. de Beaufront plendis pri la senĉesa reformemo kaj avertis pri la danĝero de tiu senfrukta agado. Sº de Beaufront skribas : « objekton bonan oni ne devas tro tuŝi ; alie anstataŭ perfektigo oni alportas al ĝi nur kripligon ».

Malgraŭ tiuj saĝaj avertoj, la Ligo komencis funkciadi kaj la sperto montris ke la liganoj, malgraŭ la deziroj de Dº Zamenhof, nur sin okupis pri reformoj. Vanê nia majstro skribas : « La Ligo tute ne estas kreita por *ŝanĝadi*, sed por *administradi* kaj *regadi* en nia afero » (*Esperantisto*, aŭgusto 1893), neniu administradas, neniu regadas, ĉar ŝtato sen registaro, korpo sen kapo ne povas esti regata. Oni konfuzis respublikon kun Anarĥio, kaj kredante krei Esperantistan respublikon oni nur fondis anarĥian ĥaoson.

Fine, Dº Zamenhof, tedata de la senĉesaj disputaj decidis ilin fini per solena voĉdonado de la *Esperantistaro* (t. e. de la abonantoj de la gazeto). En la noj de januaro ĝis junio 1894, Dº Zamenhof klarigis la proponon.

La liganoj devis voĉdoni pri 3 punktoj.

1) ĉu oni devas restigi senŝanĝe la ĝistiaman formon de la lingvo ?

2) ĉu oni devas akcepti, en ĝia tuta pleneco, *novan* formon prezentotan de Dº Zamenhof ?

3) ĉu oni devas fari aliajn reformojn ?

4) ĉu oni devas principe akcepti la novan formon, sed nur fari kelkajn ŝanĝojn en detaloj ?

Sekve de tio, Dº Zamenhof donis en la suprediritaj numeroj de sia gazeto *plenan* projekton de *nova* dialekto de la lingvo, kiu, en multaj punktoj, tre diferencis de la nuna lingvo.

Ne estas loko ĉi-tie esplori ĉu tiu nova lingvo estis bona aŭ malbona.

La sola rezultato fina interesas nin.

En la numero de Novembro 1894 oni trovas la finan rezultaton de la voĉdonado :

Por punkto I — 157 voĉoj *(kontraŭ-reformoj)*
« « II — 11 « } *(kune 107*
« « III — 3 « } *voĉoj pro*
« « IV — 93 « } *reformoj).*

De tio, sendispute, sekvis ke « **la lingvo Esperanto devas tute sen ia ŝanĝo resti en sia unua formo.** »

Fine la danĝerega disputado pri reformoj estis ĉesigata ! !

Fine la tempo alvenis, kiam la *propagando* povis komenciĝi !

La afero estis savita, sed ne sen peno, sen doloro, sen vundo.

Kelkajn monatojn poste, en majo 1895, la rusa registaro malpermesis la eniron de la Gazeto (eldonita en Nürnbergo) en Rusujon, kaj « La Esperantisto » mortis, kaj kune kun ĝi ankaŭ malaperis la lastajn restaĵojn de la *Dua Ligo*.

CARLO BOURLET.

*(daŭronta)*

* Ĉiuj energiaj, lertaj kaj fervoraj propagandistoj.

# Kroniko

**Al Soj Sekretarioj de Grupoj.** — La Redakcio petas SS. Sekretarioj sendi kiel ebleplej rapide ĉiujn *informojn* de ilia grupo, *eltranĉojn* de lokaj gazetoj parolantajn pri Esperanto, kc. Ne nur la elspezojn postajn estos repagitaj sed plie donacojn oni ĉiujare faros al la plej regulaj kaj interesaj korespondantoj.

***

**Federacio Esperantista Katalana.** — Tiu societo, en ĝia kunveno ĝenerala en Barcelono la 24 de aprilo akceptis, post legado de leteroj de Sº Th. Cart, vic-prezidanto de SfpE kaj rimarkoj de Sº V. Inglada reprezentanto de HspE, la jenan regularon internan.

INTERNA REGULARO

ARTIKOLO 1. — La *Federacio Esperantista Katalana* enhavas :

1ᵉ Membrojn apartajn ;

2ᵉ Grupojn federitajn.

Art. 2ᵉ. — Membroj apartaj pagas kotizaĵon de tri frankoj aŭ pesetoj (laŭ la lando) almenaŭ al la Komitato kiu ilin provizos per prospektoj kaj broŝuroj laŭ pove.

Art. 3 — Grupoj lokaj estos fondataj ĉie kie estos utile, ili estas kondukataj per selegatoj.

Art. 4ᵉ. — (Kotizaĵo). — La grupoj lokaj difinas mem sian kotizaĵon, ne malplia ol tri frankoj aŭ pesetoj, kaj manierojn ĝin kolekti.

Art. 5ᵉ. — La grupoj federitaj difinos por la federacio parton da unu franko aŭ peseto almenaŭ ĉiujare por ĉiu membro.

Art. 6ᵉ. — La Delegato por la cetero aranĝos la propagandon lokan sub sia propra respondeco kaj li povos anigi sian grupon al Sôcietoj samcelaj, plenumante iliajn regularojn.

Art. 7ᵉ. — La Komitato devos sendi al ĉiuj membroj apartaj aŭ grupitaj membran karton, senpagan insignon kaj laŭ povo broŝurojn kaj prospektojn.

***

**Katalanujo.** — En la ĝenerala kunveno de la Federacio Esperantista Katalana, estis decidate proponi al la Dº Zamenhof la novan radikon « KATALAN' » anstataŭ proponitaj : *Katal', Katalon', Katalunj'.*

## SENSPRITAĴO

SI. — Mi ĉiam portas kun mi tiun ametiston kaj tiun amuleton...

LI. — Kaj ili ne jaluzas ?

ŜI. — ? ! ?

# LINGVAJ KLARIGOJ

de Dº ZAMENHOF

*Ekster siaj mallongaj fundamentaj gramatikoj, Dº Zamenkof neniam publikigis, en unu verko, komentariojn aŭ klarigojn pri la sintakso de nia lingvo.*

*Tamen, dum kvar jaroj de 1889 ĝis 1892, kiam li redaktis la gazeton « Esperantisto » li ofte donis en la rubriko « Respondoj al amikoj » utilajn klarigojn pri la lingvo.*

*Kvankam kelkuj el tiuj klarigoj troviĝas jam (sed sen la cito de la deveno kaj de la originala teksto) en aliaj gramatikaj verkoj, ni pensas, ke la metoda represo de ĉiuj tiuj interesaj respondoj povas esti utila kaj ke niaj legantoj ĝin tre ŝatos.*

*Tiamaniere ni posedos kvazaŭ mallongan komentarion de la lingvo, verkitan de la aŭtoro mem.*

*Kompreneble ni ne ŝanĝis eĉ unu linion de la originala teksto.*

Carlo BOURLET.

## Pri la nomo de la lingvo

La nomo de nia lingvo ne estas elpensita, jen estas ĝia historio :

Eldonante la unan lernolibron de nia lingvo, mi prenis por mi la pseŭdonimon « Esperanto » ; la lingvo mem havis nenian propran nomon kaj estis nomata « la lingvo internacia proponita de Esperanto ». Pro oportuneco oni komencis uzadi la esprimon « lingvo de Esperanto » (die Esperanto Sprache) ; aliaj esprimoj, kiujn kelkaj provis uzadi (ekzemple « la lingvo internacia », « la internacia »), montris sin ne oportunaj kaj ne enfortikiĝis, ĉar ili estis ne bone elparoleblaj, ne memoreblaj por la publiko kaj prezentis nenion difinitan (ĉar sub « lingvo internacia » oni povas egale bone kompreni la Volapükon aŭ aliajn proponitajn projektojn). Baldaŭ montriĝis, ke nur la vorto « Esperanto » (sole aŭ kun aliaj vortoj) klare diferencigas nian lingvon de la aliaj, kaj multaj amikoj komencis baldaŭ en siaj leteroj aŭ artikoloj uzadi simple la solan vorton « Esperanto », ekzemple « la afero Esperanto », « skribi en Esperanto » kc. Tiel iom post iom ellaboriĝis unuvorta nomo de nia lingvo. Vidante, ke mia komenca pseŭdonimo transiris al la afero mem, kaj ke ĝi estas tre oportuna, mi baldaŭ tute ĉesis uzadi mian pseŭdonimon, kaj ĝi restis nur kiel nomo por la afero mem. La nomo « Esperanto » estas per si mem tute senlogika ; sed en sensignifa kondiĉa nomo kial ni bezonas logikon ?

(El *Esperantisto* decembro 1890).

## Ortografio

Multaj plendas, ke la skribado per ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ kaj ŭ estas por ili neoportuna kaj malhelpas ilin ankaŭ en la presado de verketoj en iliaj lokoj, kie la presejoj ne havas la literojn kun signetoj. Ni ripetas tial tion, kio estas jam dirita en la « aldono al la Dua Libro » : anstataŭ la signeto superlitera oni povas kuraĝe uzadi la literon *h* kaj anstataŭ *ŭ* — simplan *u*.

(El *Esperantisto* februaro 1890).

Sekve de tio, *en okazo de bezono*, oni povas de skribi : kuraghe, ghi, jhurnalo, shipo, hhemio, chevalo, ankau, laudi.

RIMARKO DE LA RED.

# NEKROLOGIO

La grupo Cereta, apenaŭ fondita, suferis grandan perdon en la persono de unu el siaj plej inteligentaj kaj fervoraj membroj, Soro EDMOND BAUX, kiu mortis, ĉe l'aĝo de dekok jaroj, la 18ª de Majo lasta, pro sekvoj de kruela opreacio.

Liaj kunuloj longtempe bedaŭros tiun junulon kiu estis la espero de la grupo kaj l'amiko de ĉiuj.

— La okan de majo la Esperantistoj de Rouen perdis unu tre distingindan membron de sia komitato patrona, Sron Gully, oficiron de la publik-instruada ordeno, profesoro de matematiko, direktoro de la Rouen'a observaĵo kaj membro de kelkaj sciencaj societoj.

— Oni anoncas la morton en Obenghé-Benghé (Memstara Kongolando) de Soro LUCIEN CHRISTIAENS, redaktoro de la *Belga Sonorilo*, je l'aĝo de 22 jaroj. Tiaj perdoj neatenditaj estu por ni incito al plej varma propagando, ĉar ni devas batali ne nur kontraŭ la malprogresemo sed kontraŭ la morto.



Sᵒ ĴOAO ERNESTO, en **Uba**, *Minas Geraes*, **Brazillando**, desiras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun fremduloj.




*Le Gérant :* Paul BERTHELOT.

Imprimerie Muller, 2, rue St-Jean, Perpignan.

PREMIÈRE ANNÉE — N° 1 | Le Numéro 10 CENTIMES | DIMANCHE 18 JUIN 1905

# ★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE
DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CÉRET (Pyr.-Or.) France

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
PUBLICITÉ-ANNONCES
AGENT GÉNÉRAL : M. EMILE GASSE
71, rue Michelet, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

## A TOUS

Vous tous qui trouverez ce journal sous votre main, lisez-le. Il vous parlera de la langue auxiliaire internationale appelée *espéranto*.

Le temps n'est plus où l'espéranto était inconnu, où, quand par hasard son nom frappait les oreilles, on se demandait avec une curiosité d'une seconde : « L'espéranto ! Qu'est-ce que c'est que cet animal là ? » Aujourd'hui l'espéranto a conquis sa belle place au soleil. Souvent même vous avez dû le voir nommer comme l'exemple typique de la langue nouvelle à la mode. Dans la pensée de beaucoup, il a remplacé le volapük, et beaucoup peut-être sourient encore un peu en disant : « L'espéranto », comme ils disaient jadis : « Le volapük ».

Mais espéranto et volapük sont choses bien différentes. Tous les deux sans doute se sont donné le noble but de servir d'interprète aux personnes séparées par le langage et qui ont besoin de s'entendre. Sans prétendre devenir jamais la langue universelle que tout le monde parlerait — chimère aussi imprécise et aussi inaccessible que les petits nuages blancs dans les hauteurs azurées, — sans avoir ni l'envie ni le pouvoir de faire concurrence aux langues nationales, qui ont leurs solides racines dans le tréfonds de la tradition et de la pensée des peuples, ils veulent seulement aider les hommes dans leurs relations avec les étrangers. Mais le volapük est le passé, et l'espéranto l'avenir. Le premier était aride, rébarbatif, difficile comme un grimoire antique ; le second est facile, aisé, agréable, à la portée du grand nombre.

Nous vous parlerons donc de l'espéranto, dont tout le monde cause souvent sans le connaître. Et en vous en parlant, nous sommes convaincus que nous vous le ferons aimer.

Le journal mettra ses lecteurs au courant des progrès de l'espéranto : il leur montrera comment il s'est glissé naguère dans la vie intellectuelle, un peu craintif, d'une marche tâtonnante, et demandant pour ainsi dire pardon pour l'audace grande et comment aujourd'hui il va la tête haute, au plein jour, sûr de lui, se répandant dans le monde entier avec un succès de plus en plus indubitable, captivant des milliers et des milliers d'êtres humains, qui aspiraient à lui avant même qu'il existât, forçant l'attention des indifférents, à ce point enfin tombé dans le domaine public qu'il n'est guère de journaux, dans les pays de langue française surtout, qui n'en aient jamais dit un mot, ne serait-ce que pour s'en moquer.

Car l'espéranto a l'honneur et l'heureuse fortune d'avoir ses détracteurs : n'en a pas qui veut ; on n'attaque que ce qui est capable de se défendre. Les uns lui reprochent ceci, les autres cela. En toute loyauté nous vous mettrons au courant des critiques formulées, et nous répondrons par des raisons et des faits, pour que vous puissiez juger en connaissance de cause. Trop respectueux du lecteur pour vouloir lui en faire accroire, trop soucieux de notre propre dignité pour outrepasser ce que nous pensons être la vérité, nous ne nous transformerons pas en apologistes outranciers, qui célèbrent à grands cris leur marchandise, et tentent de couvrir la voix des réclamants et des hésitants. L'espéranto vaincra par ses propres vertus, sans que nous ayons besoin de lui en imaginer de factices.

***

Instrument de propagande, notre journal veut être aussi un organe pour les espérantistes. Quoi qu'il y ait un certain nombre de revues ou de « revuettes » à l'usage des espérantistes de langue française, notre journal ne nous paraît pas superflu. Dans la foule des espérantistes, plus d'un adepte, plus d'un militant même a été trop jaloux de sa liberté pour s'embrigader dans un groupe ; plus d'un groupe s'est fondé çà et là en pays de langue française en conservant son entière indépendance relativement aux diverses sociétés pour la propagation de l'Espéranto. Les uns et les autres trouveront ici des colonnes ouvertes pour recevoir leurs avis ou leurs communications ; par notre journal, ils pourront faire acte de vitalité, et, affirmant par là leur existence, ils grossiront en fait, aux yeux du public, la grande famille espérantiste. Les membres affiliés aux sociétés désireront sans doute plus d'une fois émettre des idées qui ne rentrent pas dans le cadre des revues déjà existantes. Qu'ils s'adressent à nous. Notre journal est ouvert à tous : il désire être l'œuvre de tous.

***

Il est inutile de rappeler ici qu'un journal qui se respecte, respecte tout d'abord ses lecteurs et par conséquent évite aussi bien la licence que les attaques personnelles. Quant à l'usage de l'espéranto lui-même, voici quelques remarques préliminaires.

Deux des quatre pages du journal seront rédigées en espéranto.

Cet espéranto sera en concordance absolue avec les principes de Zamenhof. Précisément on annonçait naguère que le fondateur de l'espéranto va faire paraître un *Fundamento de Esperanto*. Cet ouvrage sera la pierre angulaire de la langue, et la règle que nous suivrons ici sans en dévier d'une ligne. Assurément, tout n'est pas parfait dans l'espéranto, il est permis d'en reprendre tel ou tel détail. Mais en son ensemble l'espéranto repose sur des fondements excellents, et si un jour le besoin se fait sentir d'y faire quelques retouches, ce n'est pas aux individus à modifier quoi que ce soit ; ils devront attendre la décision des autorités compétentes.

Enfin nous tenons essentiellement à regarder l'espéranto comme un instrument d'utilité publique et journalière. Qu'il soit apte ou non à la littérature, peu nous importe, et nous ne voulons point nous en occuper : il est fait pour aider les hommes à converser, à correspondre, à commercer, à échanger leurs idées. Il faut qu'il soit pratique comme un télégraphe ou un chemin de fer. Nous pensons donc qu'on doit s'exercer à le manier dans l'expression des idées de chaque jour. Assurément, la traduction d'un récit, d'une nouvelle, d'une saynette est un excellent exercice qui assouplit la langue par l'usage. Mais un traducteur sensé négligera de peiner inutilement pour rendre les subtiles et délicates nuances de sentiment et d'impression, qui ne sont sensibles qu'à ceux qui connaissent et parlent la langue de celui qui les a pensées. Qu'il rende dans son espéranto toutes les idées accessibles à tous, étrangers aussi bien que nationaux, et il aura atteint dignement son but. La simplicité donc avant tout. L'espéranto ne sera la vraie langue auxiliaire de tous que s'il reste assez simple pour être aisément compris et parlé de tous. Il importe même qu'il se cantonne le plus possible dans le domaine des idées modernes. Mettre en espéranto un article de journal, rédiger en espéranto un vulgaire fait-divers nous semble une œuvre plus méritoire — au point de vue de son avenir et de sa diffusion — que la plus laborieuse traduction d'un conte de Daudet ou d'une tragédie de Corneille.

CH. LAMBERT.

## CONGRÈS ESPÉRANTISTE
### DE BOULOGNE-SUR-MER
*du 3 au 13 août 1905*

Sous la Présidence du Docteur ZAMENHOF

On n'a pas oublié que l'année passée, à l'occasion des Courses de Canots automobiles qui eurent lieu au mois d'août entre Calais et Douvres, un congrès fut organisé qui réunit successivement dans ces deux villes des Espérantistes des différentes parties du monde.

Le Congrès Calais-Douvres dura deux jours ; il fut en quelque sorte le baptême de l'*Espéranto*, et sa consécration comme langue internationale.

Encouragés par ce premier succès, les congressistes décidèrent alors qu'un congrès annuel aurait lieu pour permettre de constater périodiquement les progrès de la langue dans le monde entier ; et le groupe espérantiste de Boulogne qui avait puissamment contribué au succès du congrès Calais-Douvres, revendiqua l'honneur d'organiser dans la ville de Boulogne le prochain congrès de 1905.

A cette époque déjà, le groupe de Boulogne comprenait 225 membres appartenant à toutes les classes de la société : médecins, pharmaciens, avocats, magistrats, officiers, fonctionnaires, commerçants, employés, etc... Parmi les membres, nous trouvons le nom de M. Farmer, vice-consul anglais.

Presque tous les directeurs et professeurs des différentes institutions de Boulogne, collège, école industrielle, école de jeune filles, écoles primaires eurent à cœur d'apporter les premiers leur appui à une œuvre dont nous ne pouvons aujourd'hui qu'entrevoir les bienfaits qu'elle nous réserve dans l'avenir.

Dans beaucoup d'autres villes, les membres de l'enseignement ont montré le même empressement.

Avec l'aide du Touring-Club de France, du groupe de Paris, et la municipalité Boulonnaise, le groupe Espérantiste de Boulogne, sous la direction de son zélé président, M. Michaux, avocat, organise donc pour le mois d'août prochain un Congrès espérantiste qui ne durera pas moins de dix jours, du 3 au 13.

Déjà on a élaboré un programme de fêtes où figurent parmi les attractions des représentations théâtrales dans lesquelles des acteurs venus des quatre coins du Globe, sans connaître la langue maternelle les uns des autres, viendront jouer en *Espéranto*, Comédies et Vaudevilles.

Des artistes de différentes nationalités viendront également déclamer ou chanter des poésies dans la langue de Zamenhof.

Mais le point le plus intéressant de cette manifestation internationale, sera la présence du Dr Zamenhof qui viendra en personne présider le Congrès.

Nous avons pu craindre un moment que le Dr Zamenhof fut dans l'impossibilité d'y assister. Il habite Varsovie et il y a quelques semaines il reçut l'ordre de partir en Mandchourie comme médecin militaire auxilaire ; mais une lettre adressée aux groupes de Paris et de Boulogne, nous apprit récemment qu'en raison de son âge et de sa faible constitution il avait été dispensé de rejoindre l'armée de Mandchourie.

En fixant la date du Congrès au mois d'août, époque des vacances, on a voulu permettre d'y assister à tous ceux que la question de la langue internationale intéresse.

Les séances du congrès, les fêtes et attractions seront réparties en plusieurs séries ; les personnes qui ne pourront disposer que de deux ou trois jours pourront ainsi choisir la période qui leur conviendra le mieux ; des billets à prix réduits seront délivrés par les différentes Compagnies aux membres des divers groupes Espérantistes.

Nous pensons que les personnes et surtout les membres de l'enseignement qui voudraient pendant leurs vacances faire un voyage aussi agréable qu'instructif, ne pourraient profiter d'une meilleure occasion.

Il ne leur sera pas nécessaire de savoir parler la langue de Zamenhof pour y prendre part ; à la rigueur, avec un peu de bonne volonté on aurait le temps de l'apprendre d'ici au congrès, mais il suffira d'être affilé à un groupe espérantiste pour jouir de tous ces avantages.

On accueillera avec plaisir toutes les bonnes volontés, même, et je dirai surtout les personnes qui jusqu'à présent ont montré le plus de scepticisme pour l'idée d'une langue Internationale.

De même qu'autrefois Galilée a prouvé le mouvement en marchant devant ses contradicteurs, de même nous prouverons aux incrédules la possibilité d'une langue internationale, en les mettant en présence d'habitants des pays les plus divers conversant et échangeant leurs impressions en *Esperanto*.

Cette expérience montrera surtout que la prononciation de l'*Esperanto* est la même pour tous, et que son auteur a su éviter une des plus grandes difficultés que présente l'étude des langues naturelles.

(Extrait de *l'Echo Républicain de l'Aisne* du 15 mai 1905.)

***

### Economie du Congrès

Le Congrès commencera officiellement le 5 août de cette année.

Le 5, le 6 et le 7, travaux sérieux, réunion des commissions, discussions en assemblées plénières.

Le 8 et le 9, grandes réunions de fête avec vêtements nationaux.

Les jours suivants, amusements et excursions.

Le Dr Zamenhof, répondant à l'invitation du groupe de Boulogne-sur-Mer, a promis d'y venir pour présider et a exprimé le désir d'assister à un vrai Congrès où tous les groupes du monde seraient invités.

On imprimera un petit livre avec renseignements détaillés et plan de la ville. Les informations seront faciles, car dans le local du congrès se tiendront en permanence des employés qui expliqueront le programme de chaque jour, échangeront les monnaies étrangères, vendront les livres et les produits espérantins.

Une exposition permanente sera arrangée par M. Deligny, professeur à Saint-Omer.



